


BRAZILA ESPERANTISTO OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO




*108-a jaro*
*N-ro 353*
*Junio 2015*

# Signoj de l' pasinteco: historiaj dokumentoj

Dro LUDOVIKO LAZARO ZAMENHOF,
la kreinto de Esperanto (* 15. XII. 1859 en Bia-
lystok, † 14. IV. 1917 en Warszawa).
La lasta fotografaĵo de la Majstro el la j. 1916.

Varsovio 4/II 22
Krolewska 41.
Estimataj samideanoj
Mi sendas koran
dankon por via
kortuŝa letero.
Koran saluton
al ĉiuj membroj
de via klubo.
Kun respekto
Klara Zamenhof

Brazila Klubo Esperanto
Praça 15 de Novembro
101-2.o andar
Rio de Janeiro

Štenc Praha.

# Brazila Esperantisto

Nacia kaj Internacia Kulturo
N-ro 353 – Junio 2015 • 108-a Jaro





Poŝtkarto de Zamenhof

# Enhavo



*Esperanto venkos ne per pli aŭ malpli lertaj frazoj, per kiuj ni ĝin propagandas, sed per sia efektiva valoro kaj per tio, ke la mondo ĝin bezonas. Registaroj, kiuj ne rekonis la bezonon de internacia helplingvo, ne enkondukos ĝin en la programojn de siaj lernejoj, sendepende de tio, per kia nomo ĝi estos prezentita.*

*Lidia Zamenhof (1937)*

**Revukunlaboraĵoj**: La ĉefredaktisto rigardas gravaj la kunlaboraĵojn senditajn de legantoj. Tamen, pro hommanko, spaclimigoj en la revuo, kaj kromaj limigoj, li rezervas al si la rajton: **1-e:** ne sciigi la ricevon; **2-e:** ne redoni la sendaĵojn; **3-e:** ne garantii la publikigon; **4-e:** mallongigi tekstojn tiam, kiam necese; **5-e:** ilin reviziigi laŭ ortografio, gramatiko kaj fakvortoj. Kiel gramatikan konsultfonton ni rekomendas la verkon *Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko* (v. 15.0), de Bertilo Wennergren. La signifon de ĉiuj vortoj netroveblaj en *Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto* (2005) oni aparte klarigu per piednotoj aŭ glosaro.





# 9-a Esperanto-Kongreso de la Ŝtato Sanpaŭlo

## Paranapiakabo

## 10–12 Oktobro, 2015





**Remetente:**
**Liga Brasileira de Esperanto**
**SDS, Ed. Venâncio III - sala 303**
**70393-902 Brasília-DF**

*Pode ser aberto pelos Correios*




**51-a Brazila Kongreso De Esperanto - BKE**
**36-a Brazila Esperantista Junulara Kongreso - BEJK**
**14-a Infana Kongreseto de Esperanto - BIKE**

**Universidade Federal do Amazonas - UFAM**
**Faculdade de Ciências Agrarias - FCA**
**Mini Campus - 22 a 26/jan/2016**

**Manaŭso - Amazonio**

# Ĉu vi jam aliĝis al la venonta BKE?

# Enkonduko



Estimataj gelegantoj:

La nuna numero de nia revuo enhavas plurajn interesajn artikolojn (espereble!). Malfermas ĝin artikolo de Leandro Abrahão pri João Custódio Machado (Johaneto), brava pioniro el Uberlando. Lianomo estas hodiaŭ preskaŭ nekonata, kaj tre oportune agis Leandro revivigante niajn memorojn pri tiu korpe kripla, sed mense brila samideano, kiu tiom multe kontribuis kaj al la Uberlanda komunumo kaj al la tiea Esperanto-movado.

Sekvas sciigo pri la forpaso de s-ano Álvaro do Espírito Santo Rabelo, verkita de Eurípedes Alves Barbosa. La forpasinto estis delegito de UEA kaj alte ŝatata membro de la komunumo de Kaskavelo, kie li loĝis kaj laboris kiel kuracisto.

Néia Lúcia Souza atentigas nin pri la graveco de historiaj dokumentoj kaj precipe pri tiuj tenataj ĉe la Biblioteko *Carlos Domingues* de BEL. Ĉu vi scias, ke tiu biblioteko havas korespondaĵojn senditajn de L. L. Zamenhof kaj Klara Zamenhof mem? Kaj ĉu vi scias, ke ĝia katalogo jam estas rete alirebla? Legu la artikolon por pli bone informiĝi.

Néia Lúcia ankaŭ raportas pri la laborbrigado kunordigita de ŝi por helpi katalogi materialojn de la Biblioteko de BEL. Dum pluraj tagoj kunvenis pli aĝaj kaj pli junaj Esperantistoj, kiuj sindoneme kunlaboris. Kompreneble… ankaŭ restis iom da tempo por kolektiva amuziĝo!

Nia veterano Alberto Flores kontribuis per tre interesa, enkonduka artikolo pri paleontologio kaj pri la scienca graveco de fosilioj. La teksto, destinita al laikuloj, kaj do facile legebla, klarigas detalojn pri la procezoj de fosiliiĝo kaj pri la diversaj tipoj de fosilioj. Plie, ni klopodis pliriĉigi la tekston per pluraj ilustraĵoj.

Ankoraŭ koncerne la sciencan kampon, ni adaptis artikolon ĉerpitan de FAPESP pri la kolapso de la grandaj herbomanĝuloj tra la mondo. Ĉu vi scias, ke ankaŭ la Brazila tapiro estas minacata? Kio kaŭzas la iom-post-ioman estingiĝon de tiuj specioj, kaj kio rezultos el tiu malapero?

Sekvas *La moralistino*, rakonto de la fama Brazila verkistino Dinah Silveira de Queiroz, en traduko de Francisco S. Wechsler. Tiu rakonto, verkita en 1948, spegulas la tiam klaran apartigon de la roloj detinitaj al viroj kaj virinoj, kaj la hipokritecon pri religio kaj pri kondutaj "devojiĝoj", kiel samseksemo.

Ni finas ĉi tiun numeron, kiel kutime, per sekcio pri amuzaĵoj. Ni esperas, ke la pluraj ŝercoj povos gajigi al vi la vivon. Se vi trovos ilin ne sufiĉe ridigaj, rakontu ilin al viaj malamikoj…

Unu plian fojon ni devas aserti, ke la revuo *Brazila Esperantisto* bezonegas kontribuaĵojn de la Brazila Esperantistaro. Ĉiuj temoj estas bonvenaj, kondiĉe ke ili ne estu politike, rase kaj religie neutralaj, nek iamaniere ofendaj. Bonvolu kontribui sentime kaj senlace!

Bonan legadon!

La ĉefredaktisto

**Brazila Esperantisto**

ISSN 0006-9477
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser
108-a jaro, Junio 2015, N-ro 353

**Eldona Stabo**
**Ĉefredaktisto:** Francisco Stefano Wechsler

**Ĉi-numeraj kunlaborantoj**: Alberto Flores, Eurípedes A. Barbosa, Francisco S. Wechsler, Leandro Abrahão kaj Néia L. Souza

**Grafika aranĝo kaj enpaĝigo:** Francisco S. Wechsler
**Revizio kaj tradukado:** BEL-asesorskipo

Kontribuaĵojn kaj mesaĝojn sendu al la ĉefredaktisto: esperanto@fswechsler.com

**Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem**

Brazila Esperanto-Ligo (Fondita en 1907)
**Sidejo:** SDS–Bloco P36–Salas 301/303–Ed. Venâncio III CEP 70393-902 Brasília,DF
**Telefono:** (0xx61) 3226-1298 **Fakso:** (0xx61) 3226-4446
**Retadreso:** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo:** www.esperanto.org.br

**Estraro**
**Prezidanto:** Evandro Avellar
**Financdirektisto:** Maria Barcellos **Kasisto:** Sandro M. Alves
**1-a Sekretario:** Euripedes Barbosa **2-a Sekretario:** Emilio Cid
**3-a Sekretario:** Francisco Mattos

**Kontrola Konsilantaro**
Guilherme Jardim , Josias Barboza, Paulo Nascentes, Aymoré Vaz Pinto, James Piton kaj Ana Rosario Koide Kamey de Oliveira

**Federacia Konsilantaro**
**Prezidanto:** Márcio Santos Nascimento
**Komitatano-A:** Rafael Zerbetto
**Ĉefdelegito de UEA**: Emilio Cid

# Johaneto — brava pioniro

## Leandro Abrahão



En urbeto najbara al Uberlando (*Uberlândia*), en la ŝtato Mino, Brazilo, vivis brava hometo, kiu spitis la proprajn fizikajn limojn. Lia nomo estis João Custódio Machado (li forpasis en 1959). Mia avo Webert Abrahão, forpasinta Esperantista pioniro en la regiono kaj lia amiko, iam asertis, ke João (Johano) havis kapon normale elvolviĝintan, tamen lia korpo ne tute elvolviĝis, kio igis lin ĉiam sidi sur rulseĝo. Li ne povis paŝi mem. Dum li ne havis rulseĝon, iuj geamikoj (ankaŭ Webert) veturigis lin en la urbo per ĉarumo. Li fondis Esperanto-librovendejon, kie li vendis diversajn tiutempajn klasikaĵojn. Webert heredigis al sia familio kelkajn ekzemplerojn, kiujn Johano dediĉis al li. La libroj estas zorge identigitaj per glumarkoj kaj verda stampaĵo de la tiama Brazila Esperanto-Ligo.

Li estis spiritisto. En la societo, kiun li vizitadis, li oficis kiel sekretario. Laŭ Elam Fonseca, kiu estis lia amiko, Johano skribis tenante skribilon per ambaŭ manoj. Krom la librovendejon, li fondis imponan konstruaĵon, kiu ĝis hodiaŭ estas unu el la plej grandaj en la urbo. Laŭ liaj planoj ĝi servus kiel gimnazio. Post lia forpaso, la konstruaĵo funkciis dum multaj jaroj kiel urbestrejo. Nuntempe tie funkcias institucio por helpo al handikapuloj. Li ankaŭ instruis Esperanton (Webert Esperantistiĝis danke al liaj kursoj). Okaze de la forpaso de João, Ismael Gomes Braga verkis pri li laŭdan nekrologon, kiu aperis en landa, pli ol centjara revuo, nome *Reformador*.

Inter la heredaĵoj de Webert estas multe da poŝtkartoj, kiujn João ricevis de Esperantistoj el diversaj landoj, kaj tre malnova gazeta eltondaĵo, presita en la kvindekaj jaroj. Temas pri laŭdaj vortoj pri la personeco kaj kapableco de João fare de iu lia tiama amikino. Ŝi laŭdas interalie lian pentrotalenton.

Lia figuro verŝajne estas unika en Esperantujo. Estas mirige kaj kortuŝe vidi per propraj okuloj la fruktodonajn farojn Esperantistajn kaj homamajn de hometo kun tiom da korpaj malkapabloj, kaj kiu havis tiom da geamikoj kaj admirantoj. Sur unu el la solaj (se ne la sola) fotoj, kiujn oni konas, li aperas sur sia improvizita rulseĝo tenante la libron *Esperanto sem Mestre* — kiu verŝajne estas la plej ampleksa portugallingva lernolibro de Esperanto.

En lia urbo — Tupacigvaro (*Tupaciguara*), en la ŝtato Mino — la urbestrejo aranĝas ĉiujare civilan paradon en la dato, kiam la urbo kromjariĝas (nun ĝi estas pli ol centjara). En 2009 partoprenis la eventon oficistoj kaj gelernantoj de APAE — Asocio de gepatroj kaj geamikoj de nekapabluloj. Ili deziris rakonti iom el la historio de la sidejo de la asocio kaj omaĝi la pioniron, kiu konstruis ĝin, nome s-ron João Custódio Machado (li estis nomata Johaneto). En la retpaĝo de la Asocio estas fotogalerio kun multaj kortuŝaj kaj interesaj Esperantaĵoj. Oni ekzemple desegnis lian portreton por montri en la parado. Infanoj surmetis Esperantajn kostumojn kaj tenis en la manoj anstataŭaĵon de la libro *Esperanto sem Mestre*, por rememorigi pri lia verdstela agado. Du personoj tenis rubandegon kun la informo: *Gimnazio Esperança* (Espero) — elpensita de João Custódio Machado.





# Forpaso: Álvaro do Espírito Santo

## Eurípedes Alves Barbosa

Álvaro do Espírito Santo Rabelo (1934–2015)



Álvaro naskiĝis la 4-an de Junio 1934, en Korjesuo (*Coração de Jesus*), ŝtato Mino (*Minas Gerais*). Li eklernis Esperanton en kurso de Societo Esperantista de Minas Gerais en 1954. Ekde tiam li estis ano de Brazila Esperanto-Ligo kaj Universala Esperanto-Asocio. Li translokiĝis al la urbo Kaskavelo (*Cascavel*) em 1965, kie li laboris kiel klinika medicinisto. La 30-an de Junio 1984, Álvaro partoprenis en la fondo de Kaskavela Esperanto-Klubo kaj Kaskavela Esperanto-Asocio. Li estis Delegito kaj Fakdelegito (medicino) de UEA en Kaskavelo, membro de Societo Zamenhof kaj peranto de Internacia Koresponda Adresaro Esperantista (ekde 1998). Pro la apero de lia nomo en UEA-Jarlibro, pluraj eksterlandaj Esperantistoj, vizitantaj la akvofalaron Igvasuo (*Iguaçu*), vizitis lin celante informojn kaj klarigojn.

Álvaro dipolomiĝis pri medicino ĉe Federacia Universitato de Minas Gerais en la jaro 1962. La ĉefa trajto de lia karaktero estis la helpema bonkoreco. Li ofte kuracis mizerulojn tute senpage. En 2012, la Regiona Konsilantaro de Medicino distingis lin per honora diplomo pro lia kompetenta kaj etika laborado en la kampo de medicino dum 50 jaroj.

La municipa Leĝo n-ro 2518, de 03/07/1995, atribuis al li la titolon de honora civitano de Kaskavelo.

Li faris skizon pri la Esperanto-Movado en la urbo Kaskavelo, kiu troviĝas en *Historio pri la Esperanta Movado en Brazilo*, verko kunordigita de Osvaldo Pires de Holanda.

Li edziĝis al Arlete Rabelo antaŭ 43 jaroj, kaj ili havis unu filon, kiu nomiĝas Álvaro Luiz Rabelo.

Álvaro do Espírito Santo Rabelo forpasis en Kaskavelo la 15-an de Majo 2015. Tri tagojn poste la Urbodomo omaĝis lian memoron, kiam urba leĝfaranto Luiz Burgarelli emfazis la moralajn kaj profesiajn valorojn de nia kara samideano.

*L. Zamenhof bone komprenis, ke lingvo internacia devas konsisti el elementoj maksimume internaciaj. Tial li metis en ĝian vortaron radikojn jam internaciiĝintajn kaj signis la vojon por plua riĉiĝo de la lingvo per novaj internaciaj esprimoj. Sed li ankaŭ perfekte komprenis, ke lingvo ne konsistas nur el vortoj; plue, ke, unuflanke, ne ekzistas absoluta internacieco de la vortoj — nek laŭenhave, nek laŭforme — kaj ke, aliflanke, por atingi facilecon estas necese ordigi kaj sistemigi tiun internacian lingvomaterialon kaj liberigi ĝin de balastaj akcesoraĵoj kaj absurdaĵoj.*

*Ivo Lapenna (1960)*

# La graveco de historiaj dokumentoj

Néia Lúcia de Souza



La 14-an de Marto ĉi-jare alvenis en BEL koverto plenriĉa je historiaj dokumentoj.

La sendinto estas sro Affonso Soares, el Niterojo (Niterói), kiu skribis la jenon: […] *mi alsendas materialon, kies gardo kaj konservo, miaopinie, plenrajte apartenas al la ĉefa Esperanto-Asocio en Brazilo.* […]

Niterói, la 27an Februaro 2015
Tre estimataj BEL-estraranoj,
Paco estu al vi en la koro!

Ĉi-kune mi alsendas materialon, kies gardo kaj konservo, miaopinie, plenrajte apartenas al la ĉefa Esperanto-Asocio en Brazilo.

Kun kora saluto kaj dezeresprimo pri plensukcesa poresperanta laborado, mi restas frate, amike, samideane via,

Affonso Soares

La letero de Affonso Soares

S-ro Affonso Soares transdonis al BEL kvar gravajn kaj interesajn pecojn, kiuj atestas la agadon de Esperantistoj en Brazilo.

La unua dokumento estas letero de Baggy de Araújo, el la epoko, kiam li komencis studi Esperanton. La letero datiĝas de 1897 — li estis unu el la unuaj Esperantistoj en nia lando. Ĝi estis adresita al D-ro Leopoldo Teixeira Leite, kiu poste transdonis ĝin, akompanata de karteto manskribita, sen la nomo de la adresito sur la karto. Tiu karteto estas la dua dokumento de la kolekto. Detalojn pri tiu letero ni tuŝos en alia momento.

La tria dokumento estas poŝtkarto de L. L. Zamenhof, sendita al BEL, pro la Tria Brazila Kongreso de Esperanto, kiu okazis en la urbo Petropolo (Petrópolis), en 1910.

Dro L. L. Zamenhof
Varsovio, str. Dzika № 9.
25/IV/10

Karaj Samideanoj!
Jus mi ricevis la cirkuleron pri la Tria Brazila Kongreso de Esperanto. Mi rapidas sendi al la kongresanoj koran saluton, kaj [illegible] bondezirojn [illegible] pro malfrue.
Via
Zamenhof

La poŝtkarto de L. L. Zamenhof

Kaj la kvara estas poŝtkarto sendita de S-ino Klara Zamenhof, en Februaro 1922, al Brazila Klubo Esperanto (vidu la sekvan paĝon).

Tiuj pecoj de la pasinto atestas la faktojn travivitajn de homo, homgrupo, institucio, lando — en nia okazo, Esperantujo. Ili estas elementoj, kiuj helpas al la homoj kompreni sian historion.

Ni rigardas poŝtkartojn ricevitajn en 1910 kaj en 1922, kaj tuj venas al la menso demando: kia estis la tiama Brazila Esperanto-movado kaj kiel ĝi rilatiĝis al la Zamenhof-a familio.

Dro LUDOVIKO LAZARO ZAMENHOF,
la kreinto de Esperanto (* 15. XII. 1859 en Bialystok, † 14. IV. 1917 en Warszawa).
La lasta fotografaĵo de la Majstro el la j. 1916.

Varsovio 4/II 22
Królewska 41.
Estimataj Samideanoj
Mi sendas koran dankon por Via kortuŝa letero.
Koran saluton al ĉiuj membroj de Via Klubo
Kun respekto
Klara Zamenhof



La poŝtkarto de Klara Zamenhof (teksto kaj foto)

Alia demando: kiel la unuaj Brazilaj Esperantistoj eksciis pri Esperanto kaj kiel ili sukcesis havigi al si lernmaterialon?

Kaj en tiu punkto la scivolemo jukigas la neŭronojn kaj bibliotekisto komencas traserĉadon pri la faktoj rilataj al tiuj dokumentoj, la tiamaj cirkonstancoj de nia movado, la longa vojo trairinta de tiuj kartoj ĝis hodiaŭ.

Alia historia registrejo estas la revuo *Brazila Esperantisto*, kaj en ĝi mi trovis la spurojn montrantajn la cirkonstancojn, laŭ kiuj aperis tiuj dokumentoj. Detalojn oni povas kontroli per la skanaĵoj el la revuo, videblaj en la sekva paĝo.

Nuntempe stariĝas debato en la reto pri la risko perdi gravajn verkojn kaj historiajn dokumentojn rilatajn al la Esperanta movado kaj al la lingvo mem, kiuj kuŝas en privataj kolektoj. Post la forpaso de la posedanto tiu materialo perdiĝas.

En tiu direkto, la iniciato de s-ro Affonso Soares estas tre grava, ĉar permesas, ke parto de nia historio estu konservata por la aliro de estontaj scivolemuloj kaj historiistoj.

Kaj espereble lia ago inspiru aliajn Esperantistojn fari la samon — elpreni gravajn verkojn kaj dokumentojn el la tirkestoj kaj transdoni ilin al institucio, kiu povas konservi kaj diskonigi ilin. Brazila Esperanto-Ligo pretas ricevi tiajn gravajn materialojn.

La ĉi tie pritraktitaj pecoj estis aldonitaj al la kolekto de raraĵoj de Biblioteko Carlos Domingues.

**Por konsulti la bibliotekan katalogon**

La katalogo jam estas alirebla per la BEL-paĝaro. Ĉe la ĉefpaĝo, dekstre kaj supre, alklaku sur “Biblioteko”. Tie vi trovos la ligilon al la biblioteka katalogo. Bonan priserĉadon!

## DANKESPRIMO DE D-RO ZAMENHOF

"Okaze de la kvindeka datreveno de mia naskiĝo mi ricevis grandegan multon da bondeziroj en plej diversa formo : telegramojn, leterojn, poŝtajn kartojn, gazetajn artikolojn, librojn, manuskriptojn, fotografajojn, k. t. p. io ĉi tio profunde min kortuŝis, kaj mi tre dezirus esprimi al ĉiu gratulinto aparte mian plej koran dankon ; sed bedaŭrinde tio estas por mi fizike neplenumebla. Tial oni volu pardoni min, ke anstataŭ respondi aparte al ĉiu persono, aŭ almenaŭ al ĉiu gazeto, societo aŭ grupo, mi esprimas mian plej profundan dankon al ĉiuj kune, per ĉi tiu publika letero. La gazetoj Esperantistaj faros al mi grandan komplezon, se ili publikigos mian dankon.

Varsovjo, 20-an de decembro 1909.

*L. L. Lamenhof.*

Ni sciigas nian legantaron ke Brazila Ligo Esperantista sendis telegramon al D-ro Zamenhot salutantan lin okaze de la datreveno de lia naskiĝo.

Ankaŭ de D-ro Zamenhof ni rivevis la jenan poŝt karton :

25. I V. 10.

Karaj Sinjoroj

Ĵus mi riceʌis la cirkuleron pri la Tria Brazila Kongreso de Esperanto. Mi rapidas sendi al la Kongreso mian koran saluton, kvankam bedaŭrinde mia saluto venos jam tro malfrue.

Via

*Zamenhof.*

(BE Julio 1910, n-ro 1, p. 1, kol. 2)

## Brazila Klubo Esperanto

6ª Ordinara Estrara Kunsido en la 7ª de Januaro de 1922.

Prezidas D-ro Nuno Baena. La protokolo de la 5ª kunsido estas aprobita.

La prezidanto sciigas, ke li sendis al Sinjorino Klara Zamenhof, la vidvino de D-ro Zamenhof, respektplenan saluton en la memorinda tago de lia naskiĝa datreveno.

(BE Januaro–Februaro 1922, n-ro 1–2, p. 5, kol. 1)

## Brazila Klubo «Esperanto»

9ª *Ordinara Estrara Kunsido en la* 1ª *de Aprilo de 1922.*

Prezidas d-ro Nuno Baena.

La protokolo de la 8ª kunsido estas aprobita. La sekretario leĝas poŝtkarton de s-ino Klara Zamenhof responde al la letero al ŝi sendita de nia Klubo, en la datreveno de nia glora Majstro, kaj leteron de s-ro Moacyr Caminha, ĉefredaktoro de «Brazila Vivo», responde al la letero al li sendita pri la eldono de la gazeto.

(BE Marto–Aprilo 1922, n-ro 3–4, p. 3, kol. 1–2)

N.R.: La ĉi-supraj bildoj fidele reproduktas la originajn tekstojn, inkluzive de ĉi ties preseraroj.

*[…] Rompu, rompu la murojn inter la popoloj, donu al ili la eblon libere konatiĝi kaj komunikiĝi sur neŭtrala fundamento, kaj nur tiam povos malaperi tiaj bestaĵoj, kiujn ni nun vidas en diversaj lokoj.*

*Ni ne estas tiel naivaj, kiel pensas pri ni kelkaj personoj: ni ne kredas, ke neŭtrala fundamento faros el la homoj anĝelojn; ni scias tre bone, ke la homoj malbonaj ankaŭ poste restos malbonaj; sed ni kredas, ke komunikiĝado kaj konatiĝado sur neŭtrala fundamento forigos almenaŭ la grandan amason de tiuj bestaĵoj kaj krimoj, kiuj estas kaŭzataj ne de malbona volo, sed simple de sinnekonado kaj de devigata sinaltrudado. […]*

L. L. Zamenhof — Parolado ĉe la 2-a UK (1906)

# Laborbrigadi en Braziljo

Néia Lúcia de Souza



Laborbrigado: *en popoldemokratioj, grupo da volontaj fervoraj laboristoj, sendataj en fabrikon k.s., por vigligi la klaskonscion kaj montri modelon pri pli alta kaj racia rendimento* (PIV 1977).

Parodiante PIV-on: al la laborbrigado okazinta en Biblioteko Carlos Domingues (BCD) venis grupo de volontaj, fervoraj, junaj (kelkaj ne tiom) Esperantistoj, por antaŭenigi la bibliotekan taskaron, vigligi la klaskonscion pri tio, kio fakte estas organizi bibliotekon kaj montri modelon por pli alta kaj racia rendimento. Jen la praktika flanko de la devizo *Ni laboru kune*!




La evento okazis de la 18-a ĝis la 22-a de Aprilo (la 21-a estas nacia feriotago, omaĝe al Tiradentes, kaj ankaŭ datreveno de Braziljo).

La celo estis analizi la enhavon de la verkoj kaj plenigi formularojn per antaŭkatalogaj datumoj, por posta registrado en la biblioteksistemon.

La bibliotekistino de BCD kunordigis la fakan laboradon kaj, kune kun la prezidanto de Brazila Esperantista Junulara Organizo (BEJO), Fernando Maia, aranĝis ĉion, por ke la evento estu fruktodona

La aranĝado inkluzivis detalojn pri la vojaĝo de la gejunuloj, kelkajn subvenciojn, gastigadon kaj manĝadon por 5–7 homoj.

En la laborbrigado partoprenis ses BEJO-anoj — du el Cearao, du el Rio-de-ĵanejro, unu el Serĝipo, kaj unu el Mino, sed loĝanta en Braziljo. Ankaŭ partoprenis unu laborantino el Sanpaŭlo: la bibliotekistino de la tiea Esperanto Asocio.

El Braziljo kvar pliaj kunlaborantoj reagis al la alvoko, kaj aldone du homoj el la konstanta skipo de la biblioteko. Entute, ni estis 13 homoj.

La celoj estis atingitaj kaj ni taksas la eventon kiel pozitivan, kaj ripetindan, ĉefe tial, ke ĉirkaŭ 2000 verkoj ankoraŭ atendas katalogadon.



### Partoprenintoj

| Nomo | Ŝtato |
|---|---|
| 1. Allan Argolo | Rio |
| 2. Eduardo Paiva | Cearao |
| 3. Eida | Federacia Distrikto |
| 4. Enivaldo Alves Silva | Federacia Distrikto |
| 5. Fernando Maia Jr. | Serĝipo |
| 6. Juliana Evandro | Cearao |
| 7. Lúcia | Federacia Distrikto |
| 8. Maria das Dores Goes | Federacia Distrikto |
| 9. Mário Fonseca | Federacia Distrikto |
| 10. Maycon Fernandes | Federacia Distrikto |
| 11. Néia Lúcia | Federacia Distrikto |
| 12. Neide Freitas | Sanpaŭlo |
| 13. Vinícius Ribeiro | Rio |

## Taskoj plenumitaj:

| Tasko | Kvanto |
|---|---|
| Libroj preparitaj / formularoj plenigitaj: | 505 |
| Formularoj reviziitaj: | 79 |
| Formularoj entajpitaj: | 93 |

Krome, estis preskaŭ finaranĝita la listo de duoblaj periodaĵoj komparitaj kun la kolekto.

Entute, la grupo laboris ĉirkaŭ 250 horojn.

Krom laboradi, la BEJO-anoj ankoraŭ trovis tempon kaj energion por iom turismi.

La sekvo de tiu laboro estos la reviziado de la plenigitaj formularoj kaj tajpado de la informoj en la datumbazon.





### Korekto-noto

Koncerne miajn komentojn pri la artikolo *Pri drapo kaj aliaj vortoj*, verkita de Leandro Abrahão (*Brazila Esperantisto*, n-ro 350, Septembro 2014), s-ro Bernhard Pabst sendis al mi plurajn korektojn (kies vortigon mi iom koncizigis kaj adaptis) pri la naskiĝo de la radiko *drap-*:

"Preskaŭ ĉiuj indikoj de jaroj estas malĝustaj. La unua eldono de la *Universala Vortaro* aperis en la somero de 1893 (kvankam sur la titolo estas indikita la jaro 1894). Ĝi jam enhavas la vorton *drap-*:
`http://anno.onb.ac.at/cgi-content/anno-buch?apm=0&aid=100084&teil=0203&seite=00000012&zoom=4`

Notindas, ke estas grava eraro citi nur la *Universalan Vortaron* (1893). Se vorto estas uzata ankaŭ en la *Fundamenta Ekzercaro*, ĝi preskaŭ ĉiam ankaŭ troveblas en la lecion-finaj vort-listoj. Zamenhof uzis la duan eldonon de la *Fundamenta Ekzercaro* (1898) por ĝustigi erarojn en la *Universala Vortaro* kaj en la unua eldono (1894) de la *Fundamenta Ekzercaro* (fakte preta samtempe kun la *Universala Vortaro* en Majo 1893). Ĉe *drap-* neniu ŝanĝo okazis, ĉe aliaj vortoj tamen ja. La *Fundamenta Gramatiko*, *Fundamenta Ekzercaro* kaj *Universala Vortaro* estas samrangaj (vidu la *Antaŭparolon* de la *Fundamento*).

La *Rusa-Esperanta Vortaro* eldoniĝis en 1889 (kaj estis preta fakte jam almenaŭ en la aŭtuno de 1888), ne en 1896. Ĝi jam enhavas *drap-*.

La *Meza Vortaro* same eldoniĝis en 1889, ne en 1898, kaj ankaŭ jam enhavas *drap-*:
`http://anno.onb.ac.at/cgi-content/anno-buch?apm=0&aid=100010&zoom=1`

Resume: *drap-* aperis en 1889 , sed estis preta probable jam en 1888."

Konklude: *drap-* aperis multe pli frue, ol mi supozis, kaj mi dankas s-ron Pabst por liaj korektoj. Tamen, la ĉefa aserto de miaj komentoj ankoraŭ validas: mirige, pli klara kaj preciza difino pri la signifo de tiu radiko aperis nur pli ol cent jarojn (!) post ĝia naskiĝo, en la ĉi-jarcentaj eldonoj de la *Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto*. *Drapo* ne estas ajna teksaĵo aŭ ŝtofo, sed ŝtofo el teksita lano, poste submetita al fulado por plialtigi ĝian denson kaj fari ĝin akvo-imuna.

Francisco Stefano Wechsler

# Paleontologio, la scienco pri fosilioj

Alberto Flores





Skeleto de *Tyrannosaurus rex*

La vorto *paleontologio* estas formita surbaze de tri elementoj el la Greka lingvo: *palaios* (maljuna, malnova, olda, aĝa); *ontos* (esto, individuo, estaĵo); kaj *logos* (scienco, studo, tutaĵo da scioj). Ĝi estas scienco, kiu studas la vivintajn estaĵojn de la prapasinteco (pravivulojn) kaj la sedimentajn formaciojn (roktavolojn), kiuj enhavas fosiliojn. Ĝi sin apogas sur informoj de la biologio kaj geologio.

*Fosilioj* estas elfositaj restaĵoj (ekz-e: ostoj, dentoj, ŝeloj, konkoj, karapacoj, ungoj ktp.) aŭ postsignoj (ekz-e: spuroj, muldaĵoj, piedsignoj) de vivintaj estaĵoj, alivorte de praaj vegetaĵoj aŭ bestoj kaj ankaŭ prahomoj, kiuj vivis en praepokoj, antaŭaj al nia nuna geologia tempo. Fosilioj normale estas trovataj en sedimentaj roktavoloj.

Oni disdividas la paleontologion je: *paleobotaniko*, kiu studas la fosiliojn de vegetaĵoj; *paleozoologio*, kiu studas la fosiliojn de animaloj; *makropaleontologio*, kiu studas la facile videblajn fosiliojn (ostojn, konkojn, ungojn ktp.); kaj *mikropaleontologio*, kiu studas la tre malgrandajn fosiliojn (protozoojn, radiolariojn).

## Fosiliiĝo

Tre malofte okazas la fosiliiĝo de vegetaĵoj aŭ animaloj. Ĉi ties fosilioj estas veraj raraĵoj, kaj estas preskaŭ miraklo, ke okazas fosiliiĝado. Ĝi okazas dum la formado de sedimentaj rokoj, kiam sedimentoj (restaĵoj de aliaj rokoj), kune kun organikaj estaĵoj, deponiĝas sur la fundon de maroj, lagoj, rivervaloj, aŭ sur la grundon de kavernoj ktp.

Necesas, ke estiĝu kelkaj favoraj kondiĉoj, por ke okazu la fosiliiĝo, ĉar, normale, organikaj estaĵoj putriĝas, kaj iliaj restaĵoj diseriĝas kaj estas detruataj de atmosferaj fenomenoj (veter-okazaĵoj). La sekvaj kondiĉoj favoras fosiliiĝadon:

1. Rapida enteriĝo. La animalo aŭ planto devas tuj esti kovrita per koto, argilo, sablo aŭ aliaj materialoj. Tio ŝirmas ilin kontraŭ detruado. Rapida enteriĝo normale okazas en marĉoj, moveblaj sabloj, asfaltaj lagoj, vulkancindroj, sedimentoj aŭ rokrestaĵoj transportitaj de akvoj kaj deponitaj sur la fundon de lagoj aŭ maroj.

2. Foresto de bakterioj. Tiamaniere la putriĝado de la organikaj restaĵoj estas malrapidigata, kio permesas aŭ faciligas, ke la fosiliiĝado okazu.

3. Foresto de kadavromanĝuloj. Tio estas, foresto de bestoj, kiel hienoj, vulturoj ktp., kiuj manĝas kadavrojn de aliaj bestoj. Ili ne nur detruas la mortintaĵojn, sed ankaŭ disĵetas la ostojn kaj aliajn malmolajn partojn, malfaciligante la fosiliiĝadon.

4. Kvietaj akvoj. Ili necesas, por ke ne disĵetiĝu la restaĵoj, nek disapartiĝu ties diversaj partoj.

5. Akvoj malriĉaj je oksigeno. Ili okazas ĉe la fundo de maroj. La foresto de $O_2$ malrapidigas la oksidadon aŭ difektadon de mortintaj organismoj.

6. Akvoj riĉaj je saloj. La saleco ŝirmas la organikajn restaĵojn kontraŭ rapida putriĝo.

7. Akvoj neacidaj. Por ke ne dissolviĝu ostoj, dentoj kaj organikaj histoj.

8. Malmolaj kaj rezistaj partoj. Jen tre grava kondiĉo, ĉar ĝenerale la duraj partoj estas tiuj, kiuj fosiliiĝas (skeletoj, ostoj, dornoj, ungoj, hufoj, spronoj, krifoj de rabobestoj, karapacoj, kornoj, dentoj, haroj, ŝeloj kaj trunkoj de arboj ktp.). Bestoj kun gelatenecaj aŭ molaj korpopartoj tre malofte fosiliiĝas, sed tio kelkfoje povas okazi.



Dentoj de *Carcharodontosaurus* kaj *Megalodon*

## Kelkaj tipoj de fosilioj

1. Konservataj partoj. Temas pri nedifektitaj aŭ ne transformitaj partoj aŭ tutaĵoj de plantoj aŭ bestoj, kiuj restas tre bone konservataj. La konservado povas okazi:

1.1. *En glacio aŭ frostiĝinta grundo*. Ekz-e: lana mamuto trovita en Siberio, perfekte konservata; eĉ ĝia karno estis bone konservata.



Siberia lana mamuto

1.2. *En sukceno*. Sukceno estas organika, fosilia, ŝtoniĝinta rezino de koniferoj. Ĝi ofte enhavas bone konservatajn korpojn de insektoj kaj de aliaj animaletoj, kaj ankaŭ plantfoliojn.



*Leptofoenus pittfieldae*, fosilia vespo

1.3. *En bitumo*. Temas pri fluida aŭ viskoza substanco, kiu devenas de petrolo kaj formas lagojn, en kiujn bestoj kaptiĝis kaj mortis, kaj kie iliaj ostoj, dentoj ks. restas perfekte konservataj. Ekz-e: *Smilodon* (sabrodenta tigro) el la bitumkavoj de Labreo (*La Brea*), Losanĝeleso, Kalifornio, Usono.

2. Envolvaĵoj. Ili okazas, kiam ostoj kaj aliaj malmolaj partoj estas kovritaj per maldika tavolo de ŝirmaj substancoj, kiel saloj (ekz-e, kalcikarbonato). Ĝenerale, tio ĉi okazas en kelkaj kavernoj.

3. Ŝtoniĝado. Ĝi okazas diversmaniere, sed precipe jene: la organikaj restaĵoj, tre malrapide, molekulo post molekulo, estas anstataŭataj de mineralaj substancoj. Do ĉefe ostoj ŝanĝiĝas al ŝtonoj, sed ankaŭ alispecaj restaĵoj. Ekz-e: siliciĝintaj arbotrunkoj (vidu la foton), en kiuj silico, $SiO_2$, anstataŭis la organikajn partojn.



4. Distilaĵoj. Kiam kelkaj substancoj (oksigeno, hidrogeno, nitrogeno) de organikaj korpoj forvaporiĝas, restas nur lamenoj de karbono (siluetoj) inter la roktavoloj. Tio permesas rekoni la tipon de la origina organismo. Ekz-e: folioj, fiŝoj, krustacoj ktp.

5. Muldaĵoj.

5.1. *Eksteraj muldaĵoj*. Restas nur la konturoj de vivulo en la solidiĝinta sedimento, post kiam la vivulo mem, parte aŭ tute, jam komplete malkomponiĝis.




La molusko *Aviculopecten subcardiformes*

5.2. *Internaj muldaĵoj* (ankaŭ nomataj *ŝtonkernoj*). La interna kavo aŭ la loko de la malkomponiĝinta mola parto de organismo (ekz-e: heliko, konko, ktp.) pleniĝis per minerala sedimento, kiu solidiĝis. La ekstera formaĵo poste malaperis (ekz-e, la karbonata ŝelo dissolviĝis), kaj postrestis nur la interna plenigaĵo.

5.3. *Modelo aŭ reproduktaĵo.* Ĝi estas kvazaŭ kopio aŭ reprodukto de la origina organismo. La origina estaĵo dissolviĝis, kaj ĝia loko estas pleniĝita per alia materialo (ekz-e: karbonatoj, pirito ktp.).

6. Spuroj aŭ piedsignoj. Ili estas serio da muldaĵoj de bestopiedoj premitaj sur koton aŭ malsekan sablon, kaj poste kovritaj per sedimentoj, kiuj ĝin ŝirmas kontraŭ detruo. Ekz-e, dekstre: piedsignoj de dinosaŭroj en la Valo de la Dinosaŭroj, proksime de Soŭzo (*Sousa*), Paraibo. Tie oni trovis spurojn de 200 malsimilaj tipoj de dinosaŭroj el la kretaceo.



7. Truaĵoj. Ili estas truoj en sedimentoj, faritaj de spongoj, lamenbrankuloj (moluskoj kun konkoj), gastropodoj (moluskoj, helikoj), vermoj ktp.

8. Gastrolitoj aŭ stomakŝtonetoj. Ili estas ŝtonetoj, kiuj, englutite de kelkaj bestoj, restas en iliaj stomakoj, helpante la dispecigadon de manĝaĵoj.

9. Koprolitoj aŭ fekŝtonoj. Ili estas fosiliaj, ŝtoniĝintaj fekaĵoj.



10. Ŝtoniĝintaj ovoj. Ili estas raraĵoj, sed oni trovis kelkajn  ovojn de dinosaŭroj.

10. Iĥtiolitoj aŭ ŝtonfiŝoj. Ili estas karbonataj aglomeraĵoj, kiuj enhavas fosiliojn de fiŝoj. Ekz-e: la kretaceaj iĥtiolitoj el la Grupo Araripo, Cearao (dekstre).



## Por kio utilas fosilioj?

Ili utilas por la studado de:

1. La pravivo en pasintaj epokoj.
2. La evoluado de la vivantaj estaĵoj: maraj pra-animaloj, fiŝoj, amfibioj, reptilioj aŭ rampuloj (maraj, flugpovaj, dinosaŭroj), birdoj, mamuloj.
3. *Paleogeografio*: terhistorio de iu regiono.
4. *Paleoekologio:* interrilatoj de animaloj kaj de animaloj kun iliaj ĉirkaŭaĵoj.
5. *Paleoklimato:* veteraj kondiĉoj de iu regiono en la pasinteco (varmo, malvarmo, pluvo ktp.).
6. Fosilioj ankaŭ tre utilas en la *stratigrafio* (parto de la geologio, kiu pritraktas la tavolojn de la Tero), por dati sedimentajn formaciojn, tio estas, por determini la aĝon de roktavoloj, pere de *gvidfosilioj*. Ĉi tiuj estas iamaj vivuloj, facile rekoneblaj, tipaj de iu epoko aŭ periodo, kiuj vivis grandnombre sed nelonge (dum relative mallonga intervalo de tempo), sur vastaj teritorioj.
7. La gvidfosilioj permesas ankaŭ *korelacion*, tio estas, kronologian paraleligon de roktavoloj el diversaj regionoj de la Tero (vidu ĉi-sube).

| | | | |
|---|---|---|---|
| KENOZOIKO (ĵusa vivo) | Kvaternaro | Pecten gibbus | Neptunea tabulata |
| | Terciaro | Calyptraphorus velatus | Venericardia planicosta |
| MEZOZOIKO (mezaĝa vivo) | Kretaceo | Scaphites hippocrepis | Inoceramus labiatus |
| | Ĵurasio | Perisphinctes tiziani | Nerinea trinodosa |
| | Triaso | Trophites subbullatus | Monotis subcircularis |
| PALEOZOIKO (praa vivo) | Permio | Leptodus americanus | Parafusulina bosei |
| | Ĵusa karbonio | Dictyoclostus americanus | Lophophyllidium proliferum |
| | Praa karbonio | Cactocrinus multibrachiatus | Prolecanites gurleyi |
| | Devonio | Mucrospirifer mucronatus | Palmatolepus unicornis |
| | Silurio | Cystiphyllum niagarense | Hexamoceras hertzeri |
| | Ordovicio | Bathyurus extans | Tetragraptus fructicosus |
| | Kambrio | Paradoxides pinus | Billingsella corrugata |
| ANTAŬKAMBRIO | --------- | | |

*Ofte ĉapo de kampulo kovras kapon de saĝulo.*

El la *Proverbaro Esperanta* de L. L. Zamenhof

# La kolapso de la grandaj herbomanĝuloj

Laŭ literatura revizio publikigita antaŭnelonge en la revuo *Science Advances*, 60% de la restantaj specioj de grandaj herbomanĝaj mamuloj — tiuj kun korpomaso egala al aŭ pli alta ol 100 kg — riskas estingiĝi. Preskaŭ ĉiuj populacioj situas en disvolviĝantaj landoj.

Lokoj kiel la Afrika savano fariĝadas malplenaj pejzaĝoj, sed ne temas nur pri etiko aŭ estetiko. Tio influas la funkciadon de naturaj medisistemoj. Ĉiuj tiuj specioj plenumas gravajn medi-rolojn, kaj, se ili malaperos, neniu sukcesos anstataŭigi ilin.

El la 74 specioj de termamuloj, kiuj konsistigas la grupon de grandaj herbomanĝuloj, 71 troviĝas en disvolviĝantaj landoj kaj nur 10 en la evoluintaj. La sola Brazila reprezentanto estas la tapiro (*Tapirus terrestris*), kiu povas atingi 300 kg kaj ankaŭ riskas estingiĝi.



Tapiro

La grandaj herbomanĝuloj nuntempe okupas, meznombre, nur 19% de la regionoj, kiujn ili okupis. Ekzemploj estas la Afrika elefanto (*Loxodonta africana*), la hipopotamo (*Hippopotamus amphibius*) kaj la nigra rinocero (*Diceros bicornis*), kiuj nuntempe okupas nur etajn frakciojn de siaj antaŭaj areoj en Afriko. Krome, multaj estingiĝantaj specioj estas maltre konataj de la sciencoj, kaj ege bezonas bazajn medisciencajn esplorojn.



Afrika elefanto



Hipopotamo



Nigra rinocero

Koncerne la tapiron, ankaŭ ĉi ties areo malvastiĝadas. Sciencistoj ne scias precize, kiom granda

estas la restanta populacio. Origine la tapiro estis trovata en preskaŭ ĉiuj Brazilaj vivsistemoj, sed nuntempe jam ekzistas pluraj lokoj en la Atlantika Arbaro, kie ĝi malaperis. La ĉefaj kaŭzoj estas neleĝa ĉasado, senarbarigo, agrikultura plivastiĝo kaj surveturoj. Tiun riskon pligravigas la malrapida reproduktiĝo de tiuj bestoj.

Neleĝa ĉasado, kiu celas akiri altvalorajn korpopartojn, kiel ekzemple dentojn kaj kornojn, kaŭzas fortegan malpliiĝon de elefantoj kaj rinoceroj en Afriko kaj Suda Azio, malfarante la rezulton de jardekoj da klopodoj por konservado.

La Afrika Sudoriento suferas la plej altan ritmon de senarbarigo en la tropikaj regionoj, kaj, se la ritmo pludaŭros, tiu regiono perdos 75% de siaj praarbaroj kaj preskaŭ duonon de sia vivdiverseco ĝis la fino de tiu ĉi jarcento.

En Sud-Ameriko, la senbestiĝo verŝajne komenciĝis antaŭ 10 mil jaroj, kaj koincidis kun la alveno de homoj al tiu kontinento. Tiam ekzistis gigantaj bradipoj, dazipoj kun la grando de aŭtomobileto kaj aliaj malpli konataj bestoj. Ekzistas polemiko en la scienca literaturo, ĉu la ĉefa kaŭzo estis la klimato aŭ la homoj.

Ĉar tiuj mamuloj konsumas grandajn kvantojn da vegetaĵoj, ili helpas starigi la strukturon de medisistemoj, kontribuante per recikligado de nutraĵoj, transportado de semoj kaj regado de bruloj. Tiuj bestoj recikligas grandegan kvanton da organika materio. Se ili malaperus el vivsistemoj tiaj, kiaj la Brazila aŭ Afrika savanoj, la plantoj tro kreskus, sekiĝus kaj rezulte ekbrulus.

En Brazilo, multaj plantspecioj, kiel himeneo (*Hymenæa courbaril*), maŭritio (*Mauritia flexuosa*) kaj siagro (*Syagrus oleracea*) dependas de la tapiro por sia dissemado.



Himeneo (Portugale: *jatobá*)



Maŭritio (Portugale: *buritizeiro*)



Siagro (Portugale: *guariroba*)

Krome, la tapiroj konkuras por nutraĵoj kun diversaj ronĝuloj, kaj tiel bridas la kreskadon de iliaj populacioj kaj la disvastigon de malsanoj. La tapiro estas unu el la malmultaj bestoj ĉasataj de la jaguaro (*Panthera onca*), kaj helpas subteni ties populaciojn, kiuj siavice atakas plurajn bestojn malutilajn al la homo.

La grandaj herbomanĝuloj estas la ĉefa nutraĵfonto por bestoj, kiel la leono (*Panthera leo*), hieno (*Crocuta crocuta*), tigro (*Panthera tigris*), kaj ankaŭ por pli etaj bestoj, kiuj manĝas mortrestaĵojn, kiel kojotoj (*Canis latrans*), vulpoj (*Vulpes*

(*Daŭrigota sur la paĝo 20*)

# La moralistino

## Dinah Silveira de Queiroz
## Tradukis Francisco S. Wechsler



Dinah Silveira de Queiroz [DiNA SilVEJra de KejROS] naskiĝis en la urbo Sanpaŭlo (1911), kaj mortis en Rio (1982). Ŝi verkis multajn romanojn, rakontojn kaj kronikaĵojn. Plej populariĝis du el ŝiaj romanoj: *Montaraj ekfloroj* (1939) kaj *La murego* (1952); ambaŭ estis adaptitaj por kino kaj televido; tiun ĉi lastan verkon nuntempe oni denove prezentas en la formo de televid-felietono. Ŝi estis unu el la pioniraj aŭtoroj de scienc-fikciaĵoj en Brazilo. Dum sia kariero, ŝi ricevis plurajn premiojn. Dinah fariĝis membro de la Brazila Akademio pri Beletro en 1981.

Kiam oni parolas al mi pri virto, pri moralo aŭ malmoralo, pri kondutoj, resume pri ĉio, kio rilatas al bono aŭ malbono, mi vidas Panjon en mia menso. Ne ĝuste Panjon. La kolon de Panjo, ŝian blankan kaj tremantan gorĝon, dum ŝi ĝuis sian etan ekridon, kvazaŭ homo, kiu trinkas kafon per subtaso. Tiajn ekridojn ŝi eligis precipe vespere, kiam — nur ni tri estis hejme — ŝi venis vespermanĝi, kvazaŭ irante al balo, kun siaj roboj gajkoloraj, malstriktaj, dekoltitaj, tiel parfumita, ke la objektoj ĉirkaŭ ŝi kreis propran etoseton, ili fariĝis pli malpezaj kaj delikataj. Ŝi neniam ŝminkis sin, sed mi ne scias, kion ŝi faris por akiri tiun haŭtglatecon de lavita porcelano. Sur ŝi, eĉ la ŝvito estis kvazaŭ malseka fenestrovitro: glita, sed ne malpura. Kontraste al tia beleco, mia vizaĝo estis mizera topografio, plena de malebenaĵoj, kie mi furioze esploradis, kun fizika ĝuo, subteraĵetojn en la poroj mallumaj kaj profundaj, aŭ vukanetojn, kiujn mi krakigadis inter la ungoj, por mia plezuro. La ekrido de Panjo estis ia "dankegon!" al mia Patro, kiu kaĵoladis ŝin, kvazaŭ li dependus de ŝi. Tamen, li maskis tiun kaĵoladon ŝercante kaj traktante ŝin ĉiam kvazaŭ knabinon. Antaŭ longe spiritisto diris ion al Panjo, kio certe naskis ŝian unuan kaj apartan ekridon:

— Klopodu impresi vian proksimulon. Sinjorino, vi posedas eksterordinaran povon super la aliaj, sed vi tion ne scias. Vi devus konsiladi. Ĉar… vi imponas, tuj unuavide. Konsilu. Viaj konsiloj neniam eraros. Ili devenas de via propra mediumeco…

Tion Panjo ripetis, kvar aŭ kvin fojojn, inter amikinoj, kaj ĝi prosperis en Latero[1].

Kiam iu intencis negoci, tiu venis al nia hejmo por ricevi konsilojn. En tiuj okazoj Panjo, kiu estis blonda kaj etkreska, ŝajne fariĝis pli alta, tute rigida, kun levita kapeto kaj diketa fingro streĉita. Oni konsultis Panjon pri politiko, pri geedziĝoj. Ĉar ĉio, kion ŝi diris, estis saĝa kaj sukcesis, oni komencis sendi al ŝi ankaŭ devojiĝintojn. Foje unu riĉa sinjorino alportis sian filon, nekorekteblan drinkulon. Mi memoras, ke Panjo diris belegajn frazojn pri la realeco de la Diablo, pri sekvado de la Besto kaj pri sekvado de la Anĝelo.[2] Kaj ŝi ne nur klarigis al la junulo la mizeron, en kiun li dronas, sed ankaŭ, per teruraj vortoj, la punon venontan. Ŝia dika fingreto leviĝis minace, kaj ŝi tutkorpe tremis pro justa kolero, sed ŝia voĉo ne laŭtiĝis super sian naturan tonon. La junulo kaj la sinjorino kune ploradis.

Paĉjon ravis la prestiĝo, kiun li ĝuis, kiel edzo.

Kvereloj inter mastro kaj dungito, inter geedzoj, inter gepatroj kaj gefiloj, trafis nian hejmon. Panjo aŭskultis ambaŭ partiojn, konsilis, admonis. Kaj Paĉjo, ene de sia eta negoco, sentis alflui la fidon, kiu disvastiĝis ĝis lia regno.

Ĝuste tiam Latero senpastriĝis, ĉar mortis ĝia pedelo, kaj la episkopo ne provizis anstataŭanton.

La Lateranoj iris al Sanantono[3] por geedziĝi aŭ baptigi siajn infanojn. Tamen, por siaj preĝoj naŭtagaj aŭ rozariaj, ili ĉiam kalkulis pri Panjo. Subite, ĉiuj fariĝis pli religiemaj. Ŝi kutimis iri al la vespera preĝo portante puntvualon, tiel bonodora kaj glathaŭta, tiel purmiena, ke ĉiuj asertis, ke ŝi ŝajnas kaj ja estas aŭtentika sanktulino. Jen malvero: sanktulino ne ekridus tiele, sanktulino ne amuziĝus tiele. Amuziĝo estas ia insulto al la malfeliĉaj, kaj tial Panjo ridis kaj amuziĝis nur kiam ni estis solaj.

Tiam, eĉ kamparano demandis ĉe la Latera foiro:

— Oni diras, ke tie ĉi vivas pastrino. Kie ŝi loĝas?

Tion oni raportis al Panjo. Ŝi ne ridis:

— Tio malplaĉas al mi. — Kaj ŝi aldiris: Mi neniam agis fanatike, freneze. Male, mi estas ekvilibra homo, kiu deziras helpi sian proksimulon. Se oni daŭre klaĉos tiamaniere, mi neniam plu gvidos rozari-preĝon.

Tamen, tiuvespere mi vidis ŝian gorĝon tremi pro plezuro:

— Oni jam nomas min “pastrino”… Kia absurdaĵo!

Ŝi estis trovinta sian inklinon. Kaj ŝi daŭre konsilis, bele parolis, konsolis la homojn, kiuj perdis geamatojn. Unu fojon, je la datreveno de baptano, Panjo diris tiel belajn vortojn pri maljunaĝo, pri forfuĝanta tempo, pri la bonfaroj, kiujn oni devas plenumi, antaŭ ol noktiĝos, ke la baptano petis:

— Kial vi ne prezentas, ĉiudimanĉe, tian predikon? Ni ne havas pedelon, kaj tiu junularo bezonas saĝajn konsilojn…

Ĉiuj trovis la ideon bonega. Oni fondis la societon “Rondo de la Lateraj Gepatroj”, kies kunvenoj okazis en ĉambro de la urbodomo. De malproksime venis homoj por aŭskulti Panjon paroli. Ĉiuj asertis, ke ŝi ege bonefikas sur la animojn, ke la dolĉeco de ŝiaj vortoj konsolas la suferantojn. Pluraj homoj estis konvertitaj de ŝi. Mi pensas, ke Paĉjo fidis ŝin pli ol iun ajn. Sed mi ne povis supozi, ke Panjo estas antaŭdestinita estulo, kiu venis la mondon nur por bonfari. Tiel klare mi travidis ŝian manieron aktori, ke mi eĉ hontis. Kaj samtempe mi demandis min:

— Kion signifas tiuj skrupuloj? Ĉu ŝi ne rekunigas disiĝintajn geedzojn, ĉu ŝi ne konsolas vidvinojn, ĉu ŝi ne korektas eĉ la ŝajne nekorekteblajn?

Unu tagon Panjo diris al mia Patro, dum la



tagmanĝo:

— Hodiaŭ oni venigis al mi malfacilan kazon… Malvirtan junulon. Dungu lin. Dio donu al ni toleremon. Li venis peti helpon de mi… kaj mi devas helpi. La kompatinda tiom ploris, petegis… rakontante sian mizeron. Li estas malfeliĉulo!

Revo pri gloro ŝin ebriigis:

— Ĉu vi scias, ke la kuracistoj de Sanantono ne sukcesis sanigi lin? Mi volas, ke vi helpu min. Mi opinias, ke li devas labori… ĉi tie. Tio ne postulos sinoferon vian, ĉar li diras, ke li volas labori por ni, ĉar monpagon mi tute ne akceptas, mi agas nur karitate!

La nova dungito ŝajnis bela junulino. Li estis ruĝvanga, havis nigrajn okulojn kun longaj haroj, paŝadis senbrue. Li sciis versojn parkere, kaj kelkfoje li deklamis ilin mallaŭte, purigante la vendo-

tablon. Eksciinte, ke mia Patro lin dungis — oni iris averti lin:

— Tiu ne estas homo taŭga por labori ĉe respektinda firmao!

— Ŝi volas — respondis mia Patro. — Ŝi ĉiam scias, kion ŝi faras!

La nova servisto komencis labori decideme, sed suferis krizojn de angoro. En iuj noktoj li ne venis vespermanĝi kun ni, kiel interkonsentite. Kaj li venis poste, kun ruĝaj okuloj.

Multfoje Panjo enŝlosis sin kun li en la vizitĉambron, kaj ŝia egaltona voĉo vundis, signis riproĉon. Ŝi ankaŭ riproĉis lin antaŭ mia Patro, kaj eĉ antaŭ mi, tamen ridetante bonkore:

— Demetu la manon de la talio. Vi jam ŝajnas junulino, des pli tiamaniere…

Sed ŝi sciis diri la frazon, kiun li certe deziris aŭdi:

— Ĉi-urbe ekzistas neniu pli bona ol vi! Kial vi timas aliulojn? Levu la kapon… Nu!

Mia Patro vigle garantiis:

— En mia hejmo neniu kuraĝas ofendi vin. Oni nur provu!

Efektive neniu kuraĝis. Eĉ la stratbuboj, kiuj sur la trotuaro fingromontris kaj ridis, laŭte parolis, tuj serioziĝis kaj forkuris, apenaŭ mia Patro ekaperis ĉe la pordo.

Kaj dumlonge la junulo ne forestis ĉe la vespermanĝoj. Dum siaj liberaj horoj, li fabrikis belaĵojn por Panjo. Li pentris por ŝi ventumilon kaj muldis cignoforman vazon, el uzitaj malsekaj paperoj kaj glumiksaĵo, kaj multon ceteran. Li amikiĝis al mi. Li konis virinvestojn pli bone ol iu ajn. Li opiniis pri miaj roboj. Je la preĝhoro, li, kiu antaŭe estis tiel humiligata, kaj montris malviglan rigardon, nun jam restadis proksime de Panjo, kun rozario enmane. Kiam alvenis vizitantoj dum lia ĉeesto, li ne tuj foriris, malkiel antaŭe. Kaj li restis ĉe angulo, rigardante trankvile, simpatie. Iom post iom ankaŭ mi spektis lian aliiĝon. Malpli timema, li fariĝis malpli ineca. Liaj gestoj jam spegulis memfidon, lia konduto estis malpli ridinda.

Panjo, kiu forte regis sian parolmanieron, jam forgesis, ke li estas fremdulo. Kaj ŝi tute libervole ridadis, per siaj ĝuindaj kaj tremaj ekridoj. Ŝajne ŝi jam ne doktrinis lin, tio ne plu necesis. Kaj li komencis sekvadi ŝin fidele, kiam li ne laboris malantaŭ la vendotablo. Li helpis ŝin hejme, akompanis ŝin al butikoj. En Latero, mi poste eksciis, certaj junulinoj, kiuj pro amindumemo malamis Panjon, jam klaĉadis, kaŝitaj malantaŭ fenestroj, vidante ŝin preterpasi:

— Ĉu vi ne opinias, ke ŝi riparis lin… tro multe?

Latero fieris pri Panjo, la plej grava persono de la urbo. Multaj sentis preskaŭ suferon pro lia amo, kiu tendencis al komiko. Ili vidis ŝin pasi rapide, per firmaj, iom rigidaj paŝoj, kaj lin, la junulon, malantaŭe, portanta ŝiajn pakaĵojn, aŭ apud ŝi portanta ŝian sunombrelon, pie malfermitan, kvazaŭ baldakenon. Ia sentebla maltrankvilo regis la urbon. Fine, unu dimanĉon, kiam Panjo predikis pri geedza feliĉo, pri la devoj de geedzeco, kelkaj kapoj turniĝis preskaŭ nerimarkeble al la junulo, sed malgraŭ tio mi perceptis la malicon. Kaj ia absurda sento dispremis mian esperplenan koron.

Panjo estis la lasta, kiu rimarkis la pasion de ŝi vekitan:

— Vidu, mi nur klopodis plifortigi lian spiriton. Eĉ la patrino opiniis lin nekuracebla — ŝi eĉ deziris, ke li mortu! Tion mi rajtas diri — ĉar ĉiuj scias —, sed hodiaŭ li estas bonmora junulo!

Paĉjo malĝojiĝadis. Unu tagon, li elverŝis sian maltrankvilon:

— Mi opinias ĝin pli konvena, ke li foriru. Ŝajne vi fine atingis vian celon, ke li pruvu, ke li povas esti deca kaj laborema, same kiel iu ajn! Ni danku Dion kaj sendu lin hejmen. Vi estas eksterordinara!

— Sed — Panjo kontestis mire. — Ĉu vi ne vidas, ke necesas pli da tempo… por ke oni forgesu lin? Sendi tiun junulon hejmen, nun, estus verdire peko! Peko, kiun mi ne deziras en mia konscienco.

Unu vesperon la junulo rakontis dum la vespermanĝo anekdoton pri kamparano, kaj Panjo ridadis kiel neniam antaŭe, levante sian kapeton, montrante sian plej ekscitan nudaĵon — la kolon — dum tiu trema trilado. Mi vidis la dungiton ruĝiĝi kaj liajn okulojn ekbrili pro tiu blanka pompo. Paĉjo ne ridis. Mi sentis min feliĉa kaj timanta. Post tri tagoj la junulo malsaniĝis de gripo. Dum Panjo vizitis lin, ŝi diris ion, kion mi neniam ekscios. Ni aŭdis la voĉon de Panjo vibri laŭte, furioze, elreviĝe. Post unu semajno li jam resaniĝis, revenis al sia laboro. Ŝi diris al mia Patro:

— Vi pravas. Konvenas, ke li reiru hejmen.

Je la horo de la vespermanĝo, Panjo ordonis al la servistino:

— Nur ni tri vespermanĝos hejme! Surtabligu tri telerojn…

La sekvan tagon, je la preĝhoro, la junulo alvenis timigata, sed trapuŝis sian vojon, okupis la kutiman lokon apud Panjo:

— Foriru!… — ŝi diris mallaŭte, antaŭ ol ekpreĝi. Li aŭdis — kaj foriris, eĉ ne petegінte per siaj okuloj.

Ĉiuj kapoj sekvis lin malrapide. Mi vidis lin kun la dorso al ni turnita, jam proksime de la pordo, forflui en la nokton, per sia diskreta paŝado de gimnazia junulino.

— Patro Nia, kiu estas en la ĉielo, sanktigata estu Via Nomo…

Ĉi-foje la voĉoj akompanis ŝin pli firme, ol dum la antaŭaj tagoj.

Li ne revenis al sia naskiĝurbo, kie ĉiuj lin mokis. Tiun saman nokton, forirante el Latero, bienisto ekvidis kvazaŭ longan figuron balanciĝanta de arbo. Kuraĝa viro, li supozis, ke temas pri rabisto. Li trovis la junulon. Oni alvokis min. Ankaŭ mi vidis lin. Sed ne Panjo. Sub lanterna lumo, mi trovis lin pli ridinda ol tragedia, malfortika kaj pendanta kvazaŭ Judaso kun vizaĝo el viola ŝtofo. Baldaŭ grandega homamaso ĉirkaŭis la maljunan mangarbon, poste la homoj disiris. Mi konvinkiĝis, ke la tuta Latero spiradas malstreĉe. Jen la pruvo! Ĝia sinjorino ne cedis, ĝia moralistino ne miskondutis. Ondo de trankviliĝo disvastiĝis tra la urbo.

Hejme dumlonge ni ne parolis pri la afero. Tamen Panjo, perfekta kaj parfuma kiel ĉiam, dum monatoj ĉesigis siajn etajn ekridojn, kvankam depost la okazaĵo, sen profunda konvinkiĝo — tion mi sciis —, ŝi plu konsiladis. Tamen ŝi surhavis, eĉ dum la vespermanĝoj, malhelajn robojn, fermitajn ĉe la kolo.

Notoj de la tradukinto

[1]Brazila urbo kun tiu nomo ne ekzistas.

[2]Aludoj al la Apokalipso (Nova Testamento).

[3]Ordinara urbonomo en Brazilo, tamen ĉi tie temas verŝajne pri fikcia urbo.

[4]Dum Paska sabato, oni kutimas en Brazilo draŝi pendigitan ŝtofpupon, kiu simbolas Judason.

# Ridu... se vi povas!

### La deveno
Knabineto konversacias kun sia patro:
— Patro, paĉjo!
— Kio okazas, filino mia?
— De kie ni venis?
— Filino, la homo devenas de Adam kaj Eva.
Iom konfuzita, la knabino kontestas:
— Sed paĉjo, panjo diris al mi, ke ni devenas de simioj!
— Vidu, karulino, estas tre simple. Unu afero estas la familio de via patrino; alia afero estas la mia…

### Manĝi gujavon
Viro paŝadas surstrate, kaj ekvidas frenezulon, kiu surgrimpis foston, kaj demandas:
— Kion vi faras tie supre?
— Mi manĝos gujavon! — respondas la frenezulo.
Kaj la viro argumentas:
— Sed tio ne estas gujavujo, ĝi estas fosto!
— Kio do? La gujavon mi tenas en mia poŝo, kaj mi manĝos ĝin kie ajn mi volas!!

### Kiu estras?
Unu departamentestro, tre antipatia, konkludas, ke liaj subuloj ne tre respektas lian gvidadon, kaj decidas meti la jenan plakafiŝon sur la pordon de sia laborĉambro, tuj kiam li alvenis matene:
"Ĉi tie la ĉefo estas MI!"
Reveninte de kunsido, li trovas la jenan bileton sur la plako:
"Via edzino telefonis kaj diris, ke vi devas reporti hejmen ŝian plakon".

### Neebla kuracilo
Stultulino konsultas kuraciston, kial ŝi misfartas. La kuracisto diras:
— Englutu unu pilolon de ĉi tiu medikamento ĉiutage, kaj vi fartos pli bone.
Post unu semajno, ŝi revenas:
— Doktoro, mi ankoraŭ havas la samajn simptomojn!
La kuracisto demandas ŝin:
— Ĉu vi efektive enprenis la medikamenton, kiun mi preskribis?
Ŝi respondas:
— Neeble, doktoro! Sur ĝia ujo estas skribite: "Tenu la boteleton fermita".

### Mistrafo
Du viroj transportas pianon per la ŝtuparo de konstruaĵo. Sur la kvara etaĝo unu el ili decidas esplori, kiom da etaĝoj mankas ankoraŭ. Post kelkaj minutoj li revenas, kaj diras:
— Mi havas du informojn, unu bonan, alian malbonan.
— Diru nur la bonan.
— La bona estas, ke mankas nur ses etaĝoj.
Ili plu supreniras, kaj, alveninte sur la deka etaĝo, la viro demandas:
— Kio estas la malbona informo?
— Ni mistrafis la konstruaĵon.

### Kiun pecon?
Joĉjo kaj Roĉjo pretigis kune sian tagmanĝon, kaj troviĝis nur du viandpecoj en la kaserolo. Unue Joĉjo iris al la kuirforno, kaj prenis por si la pli grandan pecon, sed Roĉjo tuj protestis:
— Hej, Joĉjo, vi ne rajtas tiel agi!
— Kiel, Roĉjo?
— Vi la unua prenis la manĝaĵon, kaj metis la pli grandan pecon sur vian teleron. Tio estas malĝentilaĵo.
— Se vi estus la unua, kiun pecon vi prenus?
— Nu, Joĉjo, la pli malgrandan.
— Do ĉio enordas, iel ajn mi ricevus la pli grandan pecon.

### Ne iru tien
Oficisto el la Drog-Kontrola Instanco iras al bieno, kaj diras al ĝia posedanto, maljuna bienisto:
— Mi bezonas inspekti vian propraĵon pro denunco pri neleĝa plantejo de mariĥuano!
La bienisto respondas:

— Bone, sed ne iru en tiun kampon — li avertas, fingromontrante proksiman areon ĉirkaŭitan per dratbarilo.

La oficisto indigniĝas, kaj replikas kolerege:

— Ĉu vi scias, ke rajtigas min la federacia registaro? — kaj elpoŝigas identigilon, kiun li montras al la bienisto. — Ĉi tiu ŝildo rajtigas min iri, kien ajn mi volas… kaj eniri ies ajn propraĵon. Mi ne bezonas respondi al iu ajn demando. Ĉu estas klare? Ĉu vi komprenas?

La bienisto tre ĝentile pardonpetas kaj revenas al sia tasko.

Post kelkaj minutoj la bienisto aŭdas kriegadon, kaj vidas la oficiston de la federacia registaro kuregi por savi sian vivon, persekutate de la plej granda virbovo de la bieno. Ĉiumomente la virbovo pli proksimiĝas al la oficisto, kiu verŝajne estos kornfrapita, antaŭ ol atingi sekuran lokon. La oficisto estas terurata. La bienisto forlasas siajn ilojn, kuras al la dratbarilo kaj krias la plej laŭte, kiel kapablas liaj pulmoj:

— Vian ŝildon! Montru al li vian IDENTIGILON!

## Ĉevalpovo

Sinjoro bonranga, sed tre aroganta, veturas sur enlanda ŝoseo per sia luksa aŭtomobilo. Preterpasante naivan kamparanon sidantan en malnova tirĉaro, li komentas moktone:

— Bonan tagon, sinjoro! Kien vi iras kun tiu maldika ĉevalo tiranta tiun ĉaron?

— Mi iros ĝis la plej proksima urbo, ĝi situas ĉirkaŭ dudek kvin kilometrojn for — respondas la kamparano.

— Vi bezonos du tagojn por alveni tie, dum mi alvenos post dek minutoj, aŭskultante muzikon, en klimatizata veturilo. Krome, mi sidas sur la potenco de 250 ĉevaloj.

La kamparano surpriziĝas:

— 250 ĉevaloj?

— Precize. Nu, mi bezonas plu veturi; adiaŭ, kamparano. Klopodu helpi vian ĉevalon tiri la ĉaron.

Kaj la bonrangulo pafas sin for.

Post kelkaj kilometroj, la kamparano ekvidas viron staranta apud aŭtomobilo, kiu devojiĝis en lagon, tuj post akuta vojkurbiĝo. Li rekonas la viron, kaj demandas senkompate:

— Saluton, sinjoro, ĉu vi trinkigas vian ĉevalaron?

## Katastrofo

Vendisto alvenas en bieno ŝajne senhoma. Promenante tie, li renkontas knabeton.

— Ĉu via patro estas hejme? — li demandas.

— Ne, sinjoro, lin surveturis traktoro — respondas la knabo.

— Ĉielo, mi bedaŭregas. Kaj kie estas via patrino? — demandas la vendisto.

— Ŝin surveturis traktoro.

— Dio mia, kaj kie estas viaj gefratoj?

— Ilin surveturis traktoro.

— Kaj kiu zorgas pri vi? Kie estas viaj geonkloj?

— Ilin surveturis traktoro.

— Dio mia! Ĉu vi estas sola? Kaj kion vi faris dum tiu tuta tempo?

— Mi kondukis traktoron.



(*Daŭrigo de la paĝo 14*)

*vulpes*), korvoj (*Corvus corax*) kaj maragloj (*Haliæetus spp.*).

La klopodoj por savi la restantajn grandajn herbomanĝulojn devas inkluzivi malpliigon de homnaskoj, malkreskigon de la konsumo de viando el remaĉuloj, bataladon kontraŭ neleĝa ĉasado, plivastigon kaj pli fortan financapogon de protektataj areoj, kaj bataladon kontraŭ klimatŝanĝoj.

## Deziras korespondi

*Salvador Palma Daniel* deziras korespondi kun Brazilanoj por koni niajn urbojn kaj praktiki Esperanton.

Adreso:
*Jamaica, 11*
*29010 Málaga, España*